52a Jaro — N-ro 5 — Septembro - Oktobro 1960a

Novembro - Decembro 1960a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

## Feliĉan novjaron!

Karaj gelegantoj

Denove pasis — ho kiom rapide — unu jaro. Ni ne scias en kiu grado la revuo plaĉis al vi. Sed ni kore dankas tiujn kiuj sciigis al ni siajn opinion, konstruan kritikon kaj kelkfoje sian laŭdon. Antaŭ ĉio ni dankas niajn en — kaj eksterlandajn kunlaborantojn . . . kaj vin ĉiujn kiuj legis . . . kaj plu legos nian revuon.

Je tiu jarfino kaj — komence, la mondo kutimas stereotipe esprimi al vi la deziron por " feliĉaj festotagoj ". Ni ŝatus fari distingon : kaj esprimi la esperon ke Kristnasko estis por vi festo de interna paco kaj anima bonvolemo kaj ke Novjaro kaj la nova jaro estu por vi efektive ĝojplenaj, feliĉigaj kaj prosperaj.

Plie, 1961 plifirmigu en vi la konvinkon ke vi ne vane laboros se vi laboros por esperanto kaj ĝia interna ideo : ke tiamaniere vi alportos ion al la homaro. Ankaŭ ke Esperanto kaj ĝia movado alportos ion al vi.

---

## Prof. D^ro G. Canuto forpasis!

La redakcio ricevis la sekvantan leteron de la U.E.A.-estraro :

Estimataj Sinjoroj kaj karaj Amikoj,

Per tio ĉi ni plenumas la bedaŭrindan devon informi vin ke laŭ jus ricevita telegramo la 29-an de oktobro 1960 subite forpasis en Torino la Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio, Prof. D-ro Viorgio Canuto.

En la nomo de la Asocio ni telegrame direktis nian profundan kondolencon al Sinjorino Canuto kaj al ŝia filo, same kiel al Itala Esperantista Federacio.

Telefone ni petis D-ron Inĝ. G. Azzi reprezenti U.E.A. ĉe la funebra ceremonio kaj prizorgis ke florkrono de la Asocio estu metita sur la tombon.

La perdo de tiu ĉi elstara personeco, eminenta sciencisto, integra esperantisto kaj aminda homo signifas grandegan baton, antaŭ ĉio por liaj edzino kaj filo kaj por la scienca mondo itala, sed ne malpli por la tutmonda Esperanto-Movado.

En tiu ĉi momento ni povas nur peti de vi ĉiuj ankoraŭ pli energie kaj sindone plenumi viajn taskojn, ĉiu sur sia loko, por ke la Movado en unueco kaj solidareco portu ĉi tiun baton kaj daŭrigu la laboron por niaj celoj laŭ la ekzemplo kaj en la spirito de la mortinto.

Post tiu ĉi provizora informo aperos detala artikolo en la decembra numero de la revuo « Esperanto ».

Fidante je vi ĉiu,

Por la Estraro :

Harry W. Holmes, O.B.E.
Vic-Prezidanto.

Prof. D-ro Ivo Lapenna,
Generala Sekretario.

Reĝa Belga Ligo Esperantista tutkore aldonas siajn kondolencojn, al tiuj jam diversloke esprimitaj kaj konservos pri la kara foririnto plej koran memoron.

---

# La velo

(Mikaelo LERMONTOV 1814-41)
El la Rusa tradukita de Konstanteno GUSEV.

Blankadas velo unusola
en la nebula mara blu'.
Ĝi kion lasis, kion volas
en fremdaj ondoj serĉi plu ?

Ondiĝas, kaj la vento spiras
fleksante l' maston kun fervor'.
Ve ! ne feliĉon vel' aspiras,
nek de feliĉo kuras for.

Ĝin kovras blua rond' ĉiela ;
sub ĝi lazuras l' ronda spac'.
Sed ŝtormon serĉas ĝi, ribela,
kvazaŭ en ŝtormoj estas pac' !

*
* *

# la bonfarinto

(oscar wilde)

Estis nokto kaj Li estis sola.

Kaj Li vidis en la malproksimo la murojn de ronda urbo kaj Li iris al tiu urbo.

Kaj kiam Li alproksimiĝis, Li aŭdis en la urbo la dancopaŝon de ĝojantaj piedoj kaj la ridon el la buŝo de la gajeco kaj la laŭtan sonadon de multaj harpoj. Kaj Li frapis sur la urbopordego kaj unu de la gardistoj malfermis.

Kaj Li vidis domon : kaj ĝi estis tute el marmoro kaj belaj marmorkolonoj staris antaŭ ĝi. Kaj florogirlandaĵoj pendis al la kolonoj kaj interne kaj ekstere estis torĉoj el cedroligno. Kaj Li eniris la domon.

Kaj Li trairis la halon de Kalcedono kaj la halon de jaspiso kaj tiel Li alvenis al la festohalo. Li vidis junulon kuŝantan sur purpuran liton, kies haroj estis plektitaj en rozoj kaj kies lipoj estis ruĝaj pro vino. Kaj Li venis malantaŭ li kaj tuŝis liajn ŝultrojn kaj parolis al li : " Kial vi vivas tiel ? "



Kaj la junulo turniĝis kaj rekonis Lin kaj respondis kaj diris : " Iam mi estis elĵetito kaj Vi resanigis min. Kiel alie mi vivus ? "

Kaj Li foriris el la domo kaj ree iris en la strato.

Kaj post iom da tempo Li vidis virinon kun pentrita vizaĝo kaj kun multkoloraj vestaĵoj kaj ŝiaj piedoj estis ornamitaj per perloj. Kaj malantaŭ ŝi paŝis junula viro, malrapide, kiel ĉasanto, kaj liaj vestaĵoj estis buntaj. Kaj la vizaĝo de la virino estis kiel la bela vizaĝo de diobildo kaj la okuloj de la juna viro brilis pro deziro.

Kaj Li sekvis malrapide kaj tuŝis la manon de la juna viro kaj parolis al li : " Kial vi tiel rigardas al tiu virino ? "

Kaj la juna viro turniĝis kaj rekonis Lin kaj diris : " Iam mi estis blindulo kaj Vi donis al mi la okullumon. Por kio alia mi uzus ĝin ? "

Kaj Li antaŭenkuris kaj tuŝis la pentritan vestaĵon de la virino kaj parolis al ŝi : " Ĉu vi ne konas alian vojon ol la vojon de la peko ? "

Kaj la virino turniĝis kaj rekonis Lin kaj ŝi ridis kaj diris : " Vi ja pardonis al mi miajn pekojn : kaj tiu vojo estas vojo de ĝojo ".

Kaj Li eliris el la urbo.

Kaj kiam Li estis forlasinta la urbon, Li vidis ĉe la vojrando junan viron kiu sidis kaj ploris.

Kaj Li iris al li kaj tuŝis liajn longajn harojn kaj parolis al li : " Kial vi ploras ? ".

Kaj la juna viro rigardis supren kaj rekonis Lin kaj respondis : " Mi estis mortinta : kaj Vi revokis min el la morto. Kion alian mi farus ol plori ? "

# venĝo

" En 1943 mi estis kondamnita je morto de nazia militista tribunalo ".

Tiel parolis dolĉe, preskaŭ kun tono de pardonpeto, hargriziĝanta viro, kiu donis sian ateston dum savarmea kunveno okazinta en Romo.

" Mi havis edzinon kaj kvar infanojn, tial mia puno estis malpligravigita je longa malliberigo en koncentrejo. Post naŭ monatoj mia pezo estis malpli ol kvardek kilogramojn, mia korpo estis nur vundoj kaj ĝiboj, kaj ostorompo je la maldekstra brako estis ĵus reartikigita plej empirie sen ia kuracista helpo.

La hieraŭon de Kristnasko mi troviĝis kun aliaj viroj en barakaro, kiam la kampestro min vokigis. Mi lin trovis sidanta ĉe tablo malavare garnata. Li devigis min konservi la pozicion de respektema starado dum la tuta manĝo, kiu daŭris pli ol unu horon, kaj li satigis min per sarkasmoj pri miaj kristanaj konvinkoj, kiujn mi penis komuniki al miaj malliberaj kamaradoj.

La diablo tre forte min tentis :

— Dapozzo, li inspiris al mi, ĉu vi ankoraŭ kredas je la Psalmo 23a ?

Mi preĝis al Dio kaj kapablis respondi :
— Jes, certe !
Servosoldato alportis kafon. La komandanto ekmanĝis sian deserton kun bela apetito.
— Via edzino estas bona kuiristino Dapozzo ! li subite diris.
Mi ne komprenis.
— Jes ja, li klarigis jen de sep monatoj ŝi sendas periode al vi pakaĵon de kukoj kaj biskvitoj. Mi ilin manĝis kaj vere ili estis bonegaj.
Tiam la tento fariĝis preskaŭ nerezistebla. Mi sciis ke mia edzino kaj miaj infanoj posedis nur la necesaĵojn, kaj mi ĵus ekkonis ke, el ŝiaj malgravaj ŝparaĵoj, ŝi pene kunigis farunon, grasaĵojn kaj sukeron por sendi kelkajn dolĉaĵojn. Tiu viro manĝis la panon de miaj infanoj !
La diablo diris al mi :
— Malamu lin, Dapozzo !
Denove mi eklevis mian animon al Dio, kaj ĉiu sento de malamo estis forigita de mia koro. Mi estis deziranta ricevi nur malgrandan pecon da biskvito, ne por ĝin manĝi, sed nur por ĝin rigardi kaj sendi penson al miaj buboj. Tamen li ĉion manĝegis, kaj kovris min per insultoj.
— Vi estas kompatinda homo, komandanto, mi diris al li · pri mi, mi estas riĉa, ĉar mi kredas je Dio kaj estas savata de la sango de Jesuo-Kristo.
Li treege ekkoleris kaj resendis min al la barakaro.
Post la fino de la milito mi ekserĉadis tiun viron. La plimulto de la estroj de koncentrejoj estis pafmortigitaj, sed li forkuris ien. Mi serĉis lin dum dek jaroj kaj fine mi lin retrovis. Mi iris viziti lin akompanate de protestanta pastoro. Li ne min rekonis.
Mi estas la numero 175, mi diris. Ĉu vi memoras la hieraŭon de Kristnasko 1943 ?
Tiam li ektimegis, samkiel lia edzino, kiu estis apud li.
— Vi venis por vin venĝi, li diris kun malserena mieno.
— Jes.
Mi malfermis pakaĵon : aperis volumena biskvito. Mi petis al la edzino de la ekskomandanto bonvoli prepari por ni kafon kaj ni kvarope ekmanĝis kaj ektrinkis. Mia eksturmentinto ekploregis kaj petegis mian pardonon.
— Mi jam vin pardonis pro la amo de Jesuo-Kristo.
Post unu jaro tiu viro kaj tiu virino serĉis la savon kaj nune ili estas praktikantaj kristanoj. "
Profunda silento regis en la kunvenejo de la posteno dum tiuj trankvilaj kaj kortusegaj vortoj estis eldiritaj. La Spirito de Dio pasis super ni kaj parolis al ĉiuj. Nu kiam venas tiuj momentoj de vizito la homo devas trudi al si la silenton por aŭskulti Dion.

Frank EVANS
(el " la Bonne Semence " — " la Bona Semo " monata gazeto de la Reformitaj eklezioj de la konsistorioj de la ĉirkaŭo de Parizo — Septembro 1960).

Esperantigis : Andreo BACHELIER.



# Diversaj Sciigoj

## La Homo estas en danĝero kaŭze de sia propra laboro.

Sub tiu titolo aperis en antaŭa numero artikolo de Prof. Dr. L. Flam kiun mi demandis al li por traduki kaj publikigi. Sekve de peto, mi donas jenajn pliajn informojn pri verkinto. Li havas nun 48 jarojn. Li jam verkis 14 librojn kaj tre grandan nombron da sciencaj artikoloj kiuj aperis en en-kaj eksterlandaj revuoj. Erare ni menciis ke li estas membro de la " Humanisma Asocio ". Li estas ankaŭ eks-politika-kaptito de la koncentrejo Buchenwald (Nr. 48753). Kiel scienculo kaj homarano li ĝuas ĝeneralan konsideron kaj li havas ankaŭ la meriton ke li direktas la instruadon de la fako historio sur novaj, multe pli efikaj kaj celtrafaj vojoj.

*La Redakcio.*

* * *

### La 46a Universala Kongreso en Harrogate (Anglujo).

S-ro Norman Williams, lernejestro en Denton apud Manchester, intencas organizi vojaĝon per aŭtobuso antaŭ kaj post la kongreso. Li venos preni partoprenantojn en Dover. Oni vizitus Canterbery, London, Stratford o Avon, Kimrujo, Chester ktp. Post la kongreso, la vojaĝo iros al Skotlando Edinburgo, la altmontaro ; reveno tra la lago-regiono. Li antaŭvidas ke la tuta vojaĝo kaj kongreso daŭros de 1 ĝis 18 aŭgusto. La kosto por la du vojaĝoj, kun tranoktoj kaj manĝoj ĉirkaŭ 20 pundoj. Interesiĝantoj skribu al li. Adreso : Two Trees Lane, Denton, Manchester.

### La Nova " Index Translationum " de Unesko Enlistigis preskaŭ 30.000 tradukoj.

Listo de 29 213 tradukoj en pli ol 200 lingvoj eldonitaj en 64 landoj, plejparte en 1958, troviĝas en la lasta dek-unua eldono de la " Index Translationum ", kiun UNESKO ĉiujare eldonas. La kosto de la 730-paĝa volumo estas 18,50 us. dol. ; £ 4.12.6 ; 65 fr.fr.

Lenin restas la plej ofte tradukita verkinto en la mondo. En la pasinta jaro 209 tradukoj de liaj verkoj aperis, el kiuj la plej granda parto estas en la lingvoj uzataj en Sovet-Unio. Sekvas Shakespeare kun 127 tradukoj kaj Jules Verne kun 104, poste tri rusaj verkistoj : Tolstoj, Dostojevski kaj Gorki.

Aliaj verkistoj, el kies verkoj oni eldonis po pli ol 60 tradukoj, estas Simenon, Engels, Marx, Agatha Christie, Alexandre Dumas pere, Erle Stanley Gardner, Zola kaj A.J. Cronin.

Po inter 50 kaj 60 tradukoj aperis el la verkoj de la jenaj verkistoj : Turgenjev, Conan Doyle, Hemingway, Dickens, Maupassant, Steinbeck, Ĉehov, Andersen, Pearl Buck, Jack London, Victor Hugo, Mark Twain kaj Somerset Maugham.

Inter la eldonintaj landoj, Sovet-Unio eldonis 4 458 tradukojn en siaj diversaj lingvoj, kaj Germanujo 2 513. Sekvas Ĉeĥoslovakio kun ĉeĥaj kaj slovakaj tradukoj, Japanujo, Francujo, Nederlando, Rumanujo kaj Svedujo. Ĉiu el tiuj landoj eldonis pli ol 1 000 tradukojn.

El la 29 213 tradukoj, pli ol 60 %, 16 293, estas fikciaj.

(Laŭ Unesco-Features kij UEA-Informservo)

### La " Virino de Ameriko 1960 " estas Esperantistino.

La " Unuiĝo de Amerikaj Virinoj " kies ĉefa sidejo estas en Nov-Jorko, organizas ĉiun jaron gravan konkurson por elekti la VIRINON DE AMERIKO, inter la plej elstaraj virinoj de la kontinento pro iliaj kulturaj, soci aj aŭ intelektaj agadoj. Por elekti ŝin la U. de A.V. havas en ĉiuj amerikaj landoj virinajn komitatojn kiuj loke elektas la plej indan virinon por proponi ŝin ; kaj sendas al la centra oficejo " curriculum vitae ".

Ĉi jare estis elektata Angelina Acuna de Castaneda. Ŝi estas profesorin kaj poetino, kaj kunfondinto de la Guatemala Esperanta Asocio. Oni eble memoras ke antaŭe estis foje elektata S-ino Eleanor Roosevelt.

D-ro. J. V. Martinez Nolasco.



# BELGA KRONIKO

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidantoj : S-ro Henri SIELENS, Falconrui, 21, Antverpeno ;
D-ro Pol DENOEL, 20, rue Victor Raskin, Liège.
Vicprezidantino : S-ino Julia PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Generala Sekretario : S-ro Luc DE MARRE, Groenendaallaan, 232, Antverpeno.
Kasistino : S-ino Rosette VAN HERCK-HUYSMANS, Max Roosstr., 28, Bruselo 3.
Administranto de B.E. : S-ro François SCHELLEKENS, Frans Hensstraat, 44, Antverpeno.
Reprezentanto de TEJO : S-ro Nico VAN HERCK, Max Roosstr., 28, Bruselo 3.
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

### Programoj kaj raportoj

Pro diversaj cirkonstancoj, inter kiuj la kvinsemajna strikado en nia lando, la aperigo de tiu ĉi kvina kaj lasta numero de la jare 1960a prokrastiĝis.

La de la Grupoj ensenditaj programoj rilatas al pasintaĵoj kaj ankaŭ la raportoj iom malaktualiĝis.

Tial, konsiderinte la manko de loko, ni prokrastis ilian aperigon ĝis la proksima numero, en kiu ni ilin presigos escepte nur en resuma formo.

La Grupsekretarioj tamen TUJ ensendu la programojn kaj raportojn por la proksima numero, tiu de januaro-februaro 1961a, kies presigo nun jam estas preparata.

### Gratulojn

Ni rediras, okaze de ilia geedziĝo, la gratulojn, kiujn ni, okaze de ilia gefianĉiĝo, sendis al G-roj Nico Van Herck-Huysmans, niaj gekolegoj administrantoj de R.B.L.E.

### Kondolencojn

Kondolencojn ni prezentas al S-ino Bed, fidela membrino de " La Verda Stelo ", Antverpeno, okaze de la subita morto de ŝia kara edzo.

Samajn ni sendas al G-roj Karlo Poupeye-Roose, okaze de la morto de ilia kara (bo)patro S-ro Karel Roose.

# INTERESAĴOJ

1) Esperanto-infanĥoro.
S-ano Rik de Roover organizas tian grupeton. Jam aliĝis 10 geknaboj. Li petas ĉiujn inter 6 kaj 14 jaroj, ankaŭ tiujn kiuj ankoraŭ ne unu vorton da Esperanto konas. Kunvenoj la sabaton de 2.30 ĝis 4 h.

2) La voĉo de Ameriko.
Nova serio de radio-elsendoj la 17an, 24an kaj 31an de marto: ĉiufoje je 22a h. (Greenwichsistemo) (do en multaj landoj tio estos je la 11a h. vespere). Ondlongo: 31.20 kaj 48.62 m.
Skribu al Dr. W. Solzbacher, Voice of America, Rm. 2528 HEW, Washington 25, D.C. Usono.





# Recenzoj...

Kenneth G. LINTON: "*Kanako el Kananam*" aventuroj en la ĝangalo de Novgvineo. Eldonis en 1960 la "Esperanto Publishing Company LTD." Rickmansworth, Herts Anglujo. 199 paĝoj. Prezo: 14 ŝilingoj plus 1 ŝilingo afranko.

Kiam vi ricevas tiun-ĉi numeron en mano, kara legant(in)o, la vesperoj iĝas jam pli longaj, kaj la pli malvarmiĝanta vetero igas vin serĉi dolĉe varmigitan angulon en hejmeca loĝoĉambro. Almenaŭ mi esperas ke tiam vi serĉas la feliĉon hejme kaj ke vi direktas vin al la plej bona amiko kiun oni povas havi: bona libro. Jen, tia libro estas la supre menciita. Kiu estas la aŭtoro? La estinta prezidanto de la Aŭstralia Esperanto Asocio. Pri kio temas? Pri la ankoraŭ ne sufiĉe konata Novgvineo kaj ĝiaj triboj. Ĉu li kompetentas? Dum la dua mondmilito la verkinto servis tie en la Reĝa Aŭstralia Aerkorpuso. En tiu tempo li skribis multajn leterojn al sia edzino pri siaj travivaĵoj. Tiuj leteroj poste estis la bazo de multaj prelegoj. El la prelegtekstoj fariĝis la libro.

S-ro Linton sentis grandan emon por ekkoni pli profunde tiujn enloĝantojn kaj sukcesis en tio, fariĝinte ilia amiko. Sub la plumo de Linton tiuj personoj ne restas sovaĝuloj sed iĝas homoj. Li kapablas ankaŭ tre bone priskribi la naturan medion. Mi ne priparolos la enhavon: tion vi devas mem legi . . . kaj ĝui. La stilo estas klara kaj flua. Ankaŭ al esperantistoj ankoraŭ ne spertaj utilos kaj plezurigos tiu libro. Ĝi estas ilustrita per kartoj kaj desegnaĵoj. Ĉar ĝi konsistas el forta kaj bela papero kaj estas forte bindita, ĝi restos sendifekta post legado tiel ke ĝi estos ornamlibro por via biblioteko. Do pri tiu libro, ĉia laŭdo!

B. E.

TIBOR SEKELJ. — « **Tempesto super Akonkagvo** » Trad. el hispana lingvo **Hugo Garrotte.** — 227 p. — Prezo ......
Eld. Serbia Esp. Ligo, Beograd.

Nia konata propagandisto Tibor Sekelj rakontas en tiu ĉi verko kviete kun iom da bonhumoro kaj retenita emocio pri ekspedicio — kun multaj sciindaĵoj — al la plej alta monto de la amerika kontinento en argentinaj andoj. Tiu ekspedicio, kiun li mem partoprenis, cetere ebligis al li ekflirtigi la 13an de februaro 1944 esperantan flageton sur la 7035-m-alta pinto de Akonkagvo.

Li dediĉis la verkon, kies hispana originalo atingis ĝis 1953 kvin eldonojn, « al la herooj falintaj pro la pasio de la konkero de altaĵoj », pasio kiu donas ankaŭ al lia libro tragedian finon.

Oni streĉe sekvas la ofte superhomajn klopodojn de la montgrimpantoj venkontaj aŭ venkotaj, kaj paralele ekkonscias pri la sekreto de energio, ekvilibro, prudento kaj agemo, kiun la aŭtoro krome dediĉas al nia propra « montgrimpa movado » kun ofte « sizifa » rezulto.

La traduko de Hugo Garrotte legiĝas flue kaj la eldono estas kontentiga, kvankam la paperkvalito bedaŭrinde ne valorigas la 27 ilustrajn fotografaĵojn.

TYN.

« **Mojca Etulino** » Karintia popola rakonto; ilustrita de Mara Kraljeva ; eldonita de Slovenia Esperanto-Ligo 1960. 18 paĝoj; prezo: 0,25 Us. Do.

Literaturo por infanoj. Belaj desegnaĵoj kaj belaj koloritaj paĝoj.

Ĝi rakontas kiel la leporo havas la du antaŭpiedojn mallongaj. Ĝi estas numero 1 en la serio « Abeleto » kaj la eldonantoj asertas ke tiu serio havas tre grandan sukceson en Jugo-Slavujo. Ni nepre kredas tion.

Du aliaj numeroj stas por tiu-ĉi jaro ankoraŭ anoncitaj. Ĝi certe plezurigos la infanojn. Ge patroj kiuj volas ke iliaj infanoj lernu nian lingvon aĉetu tiun malmultekostan libreton. Al pedagogoj ni lasas la diskuton en kiu grado povas influi (malbone) infanan animon la rakonto pri fia ago pro kiu alia estas punata.

F. R.

LIDJA ZAMENHOF « **Bahaismo — la Religio de la Paco** ».

Ĝis estas reaperigo de artikolo kiu aperis en 1931 en « La Nova Tago ».

Ĝi kostas 0,30 Germ. Mark. kaj estas havebla ĉe Rudolf Horn en Neckargemünd, Kr. Heidelberg Kastanienberg Germanujo. Ni forte rekomendas la legadon de tiu artikolo ; se oni havas juĝopovon, kompreneble. La koverto mencias la centrojn kie oni povas akiri Bahaismo-literaturaĵojn en nacia lingvo. Por nia lando estas menciita adreso en nia ĉefurbo, nur en Franca lingvo.

Konkludo : aŭ la organizantoj ne scias ke la plimulto de la popolo en la belga ŝtato parolas la Nederlandan lingvon, aŭ la Baha-publikigaĵoj ne estas destinitaj por la Flandroj.





« ĈINA ANTOLOGIO ».

La Ĉinaj esperantistoj volis ankaŭ festi la centjaran datrevenon de la naskiĝo de nia majstro kaj hazarde tiu dato koincidis kun la dekjara fondiĝo de ilia popolrespubliko. Tial ili eldonis tiun-ĉi antologion kiu estas tre bele kaj sufiĉe forte enbindita, havas ne malpli ol 412 paĝojn kaj kostas nur 100 belgajn frankojn. Kial niaj gelegantoj tuj aĉetu ĝin ? Car ĝia propaganda valoro estas grandega ! Kiam vi devos argumenti por esperanto, ekzistas nenia dubo ke la montro de tia libro impresos la kontraŭulon : el la malproksima Ĉinujo (tre multaj ne scias aŭ ne volas kredi ke tie povas ekzisti intereso por nia lingov) ; riĉe ilustrita; bibioteka ornamaĵo ! Sed... Tuj venas ankaŭ la seniluziiĝo por tiu kiu serĉas literaturon artan. La periodo pritraktita estas nur de 1949-1959 ! Kaj ankoraŭ ! ĝi prezentas ekskluzive tendencan literaturon. Maŭ Dun, la prezidanto de la Ligo de Ĉinaj verkistoj, en la antaŭparolo diras ke ili intencas daŭrigi duan, trian kaj sekvontajn volumojn de tiu antologio ; sed ni esperu ke tiuj volumoj pritraktos pli fruajn peridojn ! Tiu antaŭparolo estas cetere tre interesa ! Ĝi donas superrigardon pri la nuna ĉina literatura produktado kaj montras ĝian kreskon, kiel cetere ĉio kreskas en tiu landego. Li prave akcentas la amas-movadan karakteron de tiu literaturo kaj la fakton ke ĝi estas produkto ĉefe de laboristoj kaj armeanoj. Sed precize en tio kuŝas la kaŭzo de ĝia malplia arta valoro. Ankaŭ ĉe ni ni havas literaturajn artistojn kiuj venas el laborista medio. Sed ili faris tion kiam interna vokiĝo altiris ilin. Tiu-ĉi volumo estas literatura(?) manifesto. Kun interesiĝo mi legis kelkajn poemojn kaj kelkajn rakontojn ; sed kun kreskanta enuo mi legis... ankoraŭ kelkajn. Post iom da tempo oni al si diras ; estas ĉiam la sama. La pruvon ke malmultaj inter la verkintoj estas veraj artistoj oni trovas en tiu-ĉi karaktero ke ili « diras » multe, sed malmulte « vivigas » la rakonton. La sekvo estas ke oni devas peni por meti sin mem en la situacio por kompreni la dramecon de ĝi ; kaj ke oni ne estas frapita de ĝi. Do, unutoneco estas unu de la ĉefaj karakteroj de la libro. Plie, oni multe trafas ankaŭ tonon de malamo al personoj kiuj antaŭe estis gvidantoj en la ĉina socio. Tio lasas amaran impreson. Ke oni kondamnu sistemojn, situaciojn; tio estas bonega! Sed ĉu iam io pozitiva venis el malamo ? Ĝi estas homeca ke post suferadoj, humiligoj ktp. venas malamo kaj venĝemo. Sed eble tio estas la kaŭzo de la fakto ke la unuaj tempoj post reformadoj estas ĉiam karakterizataj de kruelaĵoj kaj maljustaĵoj en alia direkto ; kaj de multe da malordo. Ni bone komprenas ke la kunmetintoj volis unue eldoni volumon kiu spegulas la grandajn soci-ekonomiajn ŝanĝiĝojn de la lando. Sed kial ne iom pli frue komenci ol la postduamondmilita periodo ? Kial ekzemple ne komenci per Sun Yat Sen, kiu estas tamen nomata la « Patro de la Revolucio » ? La volumo estus multe pli interesa. Ja, liaj doktrinoj estas la bazo de la postvenintaj tendencoj ? Kaj, se ni estas bone informitaj, ĉiuj nunaj gvidantoj de Ĉinujo asertas ke ili efektivigas la testamenton de la glora doktoro, kiu havas sian maŭzoleon. Ni esperu ke en ne tro malproksima tempo niaj ĉinaj samideanoj donos tian verkon al la mondo kun ankaŭ la tre profunda saĝeco de iliaj antikvaj etikaj pensuloj.

Ni aldonu ankoraŭ ke estas sep paĝoj da biografiaj notoj kaj dektri paĝoj da klarigoj pri geografio, historio, administrado ktp.

B. E.

ESPERANTO KAJ GIA INSTRUADO EN LERNEJOJ. Eldonis: Slovenia Esperanto-Ligo, Ljubljana. 1959. 200 p., 20 × 14. Prezoj: 2 us. dolaroj.

Antaŭ la fakto, ke Esperanto sukcesis iom-post-iom penetri en plurajn lernejojn de la lando, eĉ se nur kiel nedeviga fako, Jugoslavia Esperanto-Federacio aranĝis en 1957 Someran Pedagogian Semajnon en Krajnska gora (Jugoslavio) por determini la gvidilojn kiuj konduku la instruadon al la celita rezulto. Por ke estontece la Esperanto-instruantoj trovu sufiĉan bazon kaj firman apogon por sia laboro, tiu sama J.E.F. eldonis la prelegojn en kiuj dum tiu Pedagogia Semajno la direktivoj por la Esperanto-instruado en ĝia plej larĝa senco estis pristudataj. Jen kiel ekestis la ĉi tie priparolata libro en kiu la prelego de Akademiano Prof. R. Rakuŝa pri la DIDAKTIKO DE ESPERANTO kaj konciza analizo de pli konataj lernolibroj okupas la ĉefan lokon.

Difinante la oportunecon de Esperanto en la kadro de la instruado de negepatraj lingvoj, Prof. R. pruvas, ke Esperanto povas, kiel baza lingvo, efike **prepari** kaj akceli tiun instruadon. Li prave asertas, ke Esperanto povas ĝin avantaĝe **kompletigi** ĉe mezgradaj lernantoj kiuj multajn jarojn dediĉis al la lernado de iu fremda lingvo, dank'al la pli rapida kaj pli ĝisfunda akirebleco de pasiva kaj aktiva scipovo de Esperanto. Fine li substrekas, ke Esperanto povas **anstataŭi** tiun instruadon, funkciante kiel sola fremda lingvo ĉe tiuj kiuj ne daŭrigas la studadon de fremdaj lingvoj.

Sed, kvankam konsiderinde pli facila, Esperanto estas lingvo, estas fremda lingvo, kaj necesas do ke oni instruu ĝin laŭ la samaj, aŭ similaj, normoj kiel iun ajn fremdan lingvon, tutegale ĉu Esperanto estu baza, nedeviga aŭ deviga fako. Ne mirige do, se la instruisto pri modernaj fremdaj lingvoj retrovas malnovajn konatojn kiam la preleganto pritraktas la celojn de la Esperanto-instruado, komparas la eblajn metodojn, komentas la instruadon de la tri ĉefkampoj : prononco, vorttrezoro, gramatiko, kaj atentigas pri diversaj specoj de aplikaj ekzercoj.

Ne haltante ĉe la nura lingvo-instruado, la preleganto insistas por ke pere de la lingvo, la lernanto konatiĝu kun alilandaj kulturoj.

La amplekso de la pritraktata materio (tuta kurso pri didaktiko en du prelegoj,) klarigas kial, bedaŭrinde, ne ĉiam eblis pli **detale** esplori kiel la ĝeneralaj principoj speciale aplikiĝos ĉe la instruado de Esperanto. Pri la t.n. gramatika, **laŭtraduka metodo** ne multe estis parolo. Ni konsentas, ke laŭ moderna metodologio ĝi estas konsiderata iom antikviĝinta, kaj praktike devis cedi la lokon, precipe en elementaj kursoj, al la rekta, aŭ al la t.n. miksita metodo. Oni tamen ne povas nei, ke por progresinto ege utilas, aŭ pli ĝuste : necesas, frontigi la nacian lingvon kontraŭ Esperanto, konstati ke plursenca vorto de unu lingvo ne ĉiam respondas al ununura vorto de la alia, kaj inverse, kompari la idiotismajn esprimojn kaj propajn frazkonstruojn de unu kun la ekvivalentoj de la alia, se oni volas ke Esperanto estu vere internacie komprenebla kaj ne fariĝu nacia lingvaĵo sub Esperantovesto.

La ĉapitro pri la **prononco** subkomprenigas, ke al angloj kelkaj Esperanto-konsonantoj okazigas malfacilaĵojn. Probable angla kolego prave rimarkigos, ke (krom la ebla escepto de « h ») la cititaj ĉ, j, c, prezentas nur bagatelan **legmalfacilon.** Se efektive kelkaj Esperantoliteroj (nome: la supersignitaj) ne ekzistas en la angla ortografio, aŭ kiel « c, j, g,... » havas kelkfoje malsaman sonvaloron, la lernanto sen multe da peno baldaŭ asocios konatan sonon kun nova simbolo. Tute alie statas kiam la esperanto-sonoj **ne ekzistas** en la nacia lingvo: tiuj veraj **prononcmalfaciloj** postulas pli-malpli longdaŭran ekzercadon por malkovri la precizan prononcmanieron, kutimigi la parolorganon al la ĝusta funkciado, kiel efektive okazos por anglo « sej li voŭles peroŭli Esperenton » laŭ internaciaj normoj. Dum sub la influo de sia gepatra, probable ĉiu lernanto komence spertos **akcentmalfacilojn** (germano ĉe somero, italo ĉe popolo, franco ĉe papilio, k.t.p.), kiujn la instruanto ne preteratentu. Estas dezirinde, ke li estu informita pri tiuj diversspecaj malfaciloj.

Rilate le **vorttrezoron**, la preleganto, kiu siatempe verkis lernolibron por slovenoj, asertas, ke laŭ lia sperto sufiĉas por elementa Esperanto la scio de 600 radikoj (kun la plej gravaj derivajoj) elektitaj laŭ la « ofteco-listo ».

Estas fakto, ke koncerne la instruadon de modernaj fremdaj lingvoj, la subjektiva maniero laŭ kiu multaj verkintoj de lernolibroj elektis sian vortprovizon, estis akre kritikita. Kaj ne malprave. Estas ja pura perdo devigi lernantojn al enkapigo de vortoj kiuj nur tre malofte renkontiĝos, pro tio baldaŭ forgesiĝos. Tiun kritikon la defendantoj de la esplorado pri vortofteco adresas i.a. ankaŭ al la favorantoj de la t.n. intuicia metodo, kiu provante rektmetode instrui kiel eble plej praktikan vortprovizon, ĝin ĉerpas el la ĉiutaga vivo, el la tuja ĉirkaŭaĵo, kun aŭ sen la helpo de Hölzel-bildoj aŭ similaj, pritraktas i.a. la familion, la hejmon, la urbon, la sezonojn, k.t.p., kaj kelkfoje lasas sin kuntreni al amasigo de provizore superfluaj detaloj aŭ teknikaĵoj (partoj de biciklo, ekz.).

Sin trudas do la demandoj, ĉu la ofteco-listo konsistigas pli fidindan bazon, kaj kiu estu la amplekso de la vortprovizo vere profitdona.

La preleganto precipe sin turnas al la vortnombrado de D-ro L. Blaas kiu esploris ducenton da paĝoj el cento da verkoj. Do, tekstoj plej diversaj laŭ stilo



# Korespondanoncoj

**Dr. Zinovij Korn Krivoj-Rog-11**
**Kaliningradskaja 6, Kv. 27 Ukrainio USSR.**
29 jaroj ; il. poŝtk. moneroj, insignoj, libroj, gazetoj, filatelisto.
**Leif Hellberg 447 Cole stree, San Francisko 17 California**
28 j. kun nudistoj kaj naturistoj.
**H. Joh. Horstman « De Wilgenhorst » OLST Nederl.**
precipe pri landoj, historio.
**Miglietta Cosimo Via Vittorio Emm. 35 Trepuzzi, Lecce, Italujo**
pri ĉiuj temoj.

DEZIRAS KORESPONDI kaj ricevi novaĵojn el sia lando:

— **Kazimierz Zurawski, Strato OstRolecka, 1 PRZEMYSL (Pollando)**
— **Jana Cichova, U. Svobodarny, 12 PRAHA 9 (C.S.R.)**
— **Halino Wlodorczyk, ul. Zeglovska, 45 WROCLAW (Pollando)**
— **Petro Poliŝĉuk, Novo-Moskovskaja, 18, kv. 15 TAŜKENT, U.S.S.R.**
— **Witold Lackowski, Jozefin, p.PAWLOW, prov. Chelm woj. LUBLIN**
— **Lev Ŝapiro, Glavpoŝtampt (do vostrelovabija) KIŜINCI, Moldavio U.S.S.R.**
— **V. Trofimov, V., str. Frunze 17 loĝ. 1. KIEVO, 7k U.S.S.R.**
— **Shen Xie-rong, Gongdiansuo, Sheng Li Lu, BENGBU, ANHUI, Ĉinio**
— **Vasil Grigorov Vasilev, st. Rodosto, N° 3 RUSE, Bulgaria**
— **E. Strassburger, Av. Alberto Bins, 1034, PORTO ALEGRE, Rio Gre. do Sul, Braz.**

kaj enhavo. El la 50.555 plej objektive kolektitaj vortoj D-ro Blaas distilis proksimume 730 « oftajn » vortradikojn ; la aliajn li nomis « neoftaj ». Sed mirigos, ke en simila ofteco-listo (tiu de R. Michea,), inter la 500 plej oftaj vortoj konsistigantaj 80 % de simpla teksto troviĝas pluraj kies ekvivalento mankas en la pli ampleksa Esperanto-listo, ekz. aspekti, dika, plaĉi, glaso, ligno, vetero, k.a.

Ĉu do baza vortlisto en unu lingvo ne respondas al la same baza en alia lingvo ? Kial mi ofte bezonus « vendi, besto, tranĉi, pinto » en la germana, kaj malofte en Esperanto ? Kaj male : kial « propagando, fundamento, konferenco, artikolo, vegetara, » estus oftaj en Esperanto, maloftaj en la germana ? Evidentiĝas, ke la prilaborita materialo, kiel ajn ampleksa, kiel ajn zorge elektita, estas ankoraŭ tro malmulte vasta kaj objektiva. Kiel cetere D-ro Blaas honeste konfesas.

Krome, la vortnombrantoj skribas **presitajn** tekstojn. La rekta metodo siaflanke priatentas la **parolatan** lingvon, por kiu oni ne disponigis ofteco-kalkulon. Oni povas tamen konjekti, ke multo el tio kion ni ĉiutage devas **diri** por ke la kuro de la vivo normale pluiru, ne parolante laŭ nia profesia specialaĵo sed kiel nura homo, diferencas de ordinara libroteksto, kaj eĉ ne konvenas por eniri simplan romaneton. Pri ĉiutagaĵoj la leganto ja ne interesiĝas. Jen kial ne malmultaj el la vortoj nomantaj objektojn aŭ estaĵojn, agojn aŭ kvalitojn ĉiutage perceptatajn, kies uzado sin altrudas en tutordinara konversacio, ne trovis lokon en la ofteco-listo kiel ajn valora ĝi estas. Necesas do, ke por instrui tuj uzeblan Esperanton oni pli-malpli subjektive « korektu » la liston, ĝin plivastigu por ke la lernanto ne tro longtempe staru kun katenita lango en fermita buŝo antaŭ la plej komunaj, ĉiam revenantaj cirkonstancoj de la ordinara vivo, por ke li ne dronu en embaraso.

Dua flanko de la problemo : kiom da vortoj oni instruu por atingi sufiĉe efikan vortprovizon bazan. Jen tikla demando, al kiu la vortnombrantoj kompreneble provos respondi per alloge malaltaj ciferoj.

H. Bongers (« 3.000-word English. » 1946) konkludas, ke la mal plej oftaj vortoj konsistigas 87 % de ordinara angla teksto, la 3.000 plej oftaj respondas al 97 %. « Admirinde... », ekkrias la entuziasma leganto, « ellerni la anglan fariĝos kvazaŭ infana ludo, kaj la mezgrada lernejo larĝe sufiĉos por ĝin scipovi. » Sed S-ro Bongers tuj honeste avertas, ke al tiuj 3.000 plej oftaj oni alkalkulu la derivaĵojn kaj kunmetaĵojn, ke sekve la 3.000 en tiuj kondiĉoj fariĝas 6.616. Kaj ĉiu prudenta homo komprenas, ke la fortostreĉo duobliĝu, ke la plimulto el tiuj 6.616 estu zorge enkapigita, ĉar derivaĵoj kaj kunmetaĵoj en nacia lingvo ĝenerale ne estas tuj kompreneblaj, kaj certe ne kvazaŭ spontane elsaltos el la buŝo, eĉ se oni posedas la kernvorton. Plie, konsideri difinitan vorton (ekz. anglan « bill ») kun ĝiaj malsamaj signifoj (nome : « ŝuldokalkulo, leĝopropono, kambio, afiŝo. ») kiel nur unu vortunuon en tiu kalkulo, estas tutsimple erarige. Ĉiu memstara signifo fakte rolas kiel vortunuo, kaj la sumo 6.616 denove maltrankvilige plialtiĝos. En la ege optimisma supozo, ke la lernanto sukcesos asimili tiujn milojn kaj milojn da vortoj en la daŭro de la mezgrada lernejo, li stumblos sep fojojn sur ĉiu paĝo, 1400 fojojn en romaneto de 200 paĝoj, se ni povas kredi la promesitajn pocentojn. Ni ne preterlasu noti la proporcion inter unuflanke la racie kalkulita vortnombro, reĝustigita laŭ la realo, kaj aliflanke la pridubebla rezulto.

La germana ofteco-listo de Michea sin montras malpli postulema kontraŭ la studanto, sed ankaŭ pli modesta rilate la celitan rezulton. Laŭ ĝi, baza vortprovizo de 1400 vortoj, instruataj en dujara elementa kurso, permesas komprenon de 85 ĝis 90 %. Ni jam ne plu iluziiĝos pro la ŝajne altaj pocentoj. Pripensante,





ke sur unu paĝo de 250 vortojtroviĝas do meznombre 25 ĝis 35 nekonataj vortoj, ĝenerale la plej alcelaj, adekvataj, trafaj portantoj de la esprimata ideo, kaj pro tio ne diveneblaj laŭ neŭtrala, senkolora kunteksto, ni konstatas, ke la elementa scipovo certe ne estas transpaŝita.

Malgraŭ pozitivaj kvalitoj, la nereviziita ofteco-listo do ne pruviĝas la revita malmultekosta rimedo al lingvo-scipovo : la multflankeco de la homa mensenhavo kaj la kapricoj de la lingvo ne facile lasas sin bridi. Aŭ la instruado kontentiĝu per pli moderaj celoj. Ĉu ankaŭ la Esperanto-instruado ?

Kredeble ne estos kontraŭdiro, se por promocii Esperanton al la rango de vere dua lingvo por ĉiuj ni fiksas kiel atingotaĵon : ke Esperantisto scipovu Esperanton tiel amplekse kiel sian propran lingvon. En la gepatra, meze klera homo bezonas vortaron nur por subtilaĵoj aŭ nekomunuzaj teknikaĵoj ; ne ĝenas se lia aktiva kono malsuperas la pasivan : li elturniĝos per sinonimo aŭ parafrazo se la ĝusta vorto mankas.

Same estu por Esperanto. Sed, ĉu fareble ? Kaj, en okazo de jesa respondo, per kiom da kursjaroj ?

Oni asertas, ke pro la inĝenia sistemo de ĝia vortfarado, la lernanto multe pli rapide alproprigas al si la bezonatan vortmaterialon. Necesus nur posedi la radikojn kaj apliki la regulojn de derivado kaj kunmetado.

La Plena Vortaro entenas 7866 radikojn fundamentajn, oficialajn, neoficialajn, kelkfoje plursencajn. Sufiĉe objektiva nombrado de laŭ nia starpunkto necesaj radikoj (sen ia malutilo multaj fakvortoj kaj pluraj duoblaĵoj ja estas ellaseblaj,) kompletigus la ofteco-liston de Blaas. Bedaŭrinde la koncernaj ciferoj provizore mankas.

Aliflanke Esperantisto fakte mem kunmetas siajn vortojn, de la aliaj ĝustavalore komprenatajn. Dum en la naciaj lingvoj la derivaĵoj preskaŭ kondutas kiel radikvortoj, oftege ne estas kompreneblaj per si mem kaj malofte improvizeblaj. Kompense Esperanto postulas sufiĉe rapidan kaj precizan analizon de la envortigota signifo por transpaŝi de la radiko al la derivaĵo. Kaj inverse. Kapablo nepre kulturenda dum la instruado, des pli ĉar almenaŭ por la aktiva vortkonstruo, tiu cerba gimnastiko ĝenerale ne estas aplikata, ĉar ne profitdona, en la nacia lingvo, en kiu superregas la leĝo de la laŭtradicia uzado. Jen kial oni speciale praktiku ekz. la MAL-, la IN-vortojn, k.s., (malami, malvarma, fratino,...), kies analizo estas ja simpla, sed por kiuj la lernanto uzas po du diversaj radikoj en la nacia ; oni atentigu pri mankhavaj analizoj (kiel : buŝego, densejo, k.t.p.) kaj ĉiuj UM-vortoj. Por eviti surprizojn estus konsilinde kolekti la kunmetaĵojn ne travideblajn (subaĉeti, alivesti, unuanima, bonfari, terpomo,...) kaj gardi sin kontraŭ naciaj idiotismoj. Objektiva pritrakto de la vortproviza demando postulas, ke ankoraŭ nombrenda kvanto de dubeklaraj derivaĵoj aldoniĝu al la jam plilongigota listo de radikoj.

Malgraŭ ĉiuj konsideroj ni devas konsenti, ke en la kadro de unujara elementa kurso, iom korektita baza vortprovizo laŭ la ofteco-listo de Blaas plene

kontentigos. Precipe ĉar la asimilpovo de la studanto havas siajn limojn.

Prof. R. rekomendas pligrandigi la vortprovizon de la daŭriga kurso ĝis 1200 radikoj (p. 78), aŭ eĉ ĝis 1600 (p. 93). Pro manko de precizigoj ni pli bone rezignu esprimi ian opinion.

Kvankam la **gramatiko** estas nekompareble pli facila ol en la gepatra lingvo, tamen konstante leviĝas obstakloj antaŭ la unuaj paŝoj, obstakloj kiujn kaŭzas la konstruoj propraj al la gepatra. La instruanto estu funde informita (jam per la didaktika kurso) pri samaĵoj kaj diferencoj kaj agu konsekvence.

En sia tria prelego Prof. R. iom rapide ekzamenas plej diversmetodajn **lernolibrojn** kaj koncize taksas ilian valoron. La ja scias kiun gravan rolon ludas la lernolibro kiam ĝi gvidas la instruanton ne nur koncerne la studojekton sed ankaŭ koncerne la sekvotan metodon. Tamen, la instruanto estu sufiĉe preparita por kompetente kaj ĝisdetale prijuĝi la didaktikajn kvalitojn de difinita lernolibro, kaj, se necese, adapti, kompletigi, korekti.

Tiurilate ni ŝatus esprimi la firman konvinkon, ke se la tekstoj pri la Didaktiko de Esperanto estus iom pli klare ordigitaj, pli detaligitaj, provizitaj per pli da klarigaj ekzemploj, unuvorte : tiamaniere reverkitaj, ke ili estos pli alireblaj por neprofesiaj lingvo-instruantoj, ili multe kontribuus por subteni bonvolajn kursgvidantojn kiujn gvidas nura entuziasmo, kaj por starigi la Esperanto-instruadon sur konvena nivelo.

Kompreneble, la neceso resumi kompletan kurson reduktante ĝin ĝis enhavo de tri prelegoj ekskluzivas riproĉon pri koncizeco, des pli ĉar fojon post fojo la preleganto agrable surprizas per legindaj konstatoj, rimarkigoj, konsiloj, kelkfoje ne rekte rilatantaj al la instruado en la strikta senco de la vorto, sed al ĉiuj bonvenaj, al ĉiuj profitigaj. Se jen kaj jen iu frazo restas neklara, sendube kulpas tiu densigo. Eble ankaŭ utilos mencii ĉi tie kelkajn vortojn malpli zorge elektitajn : anstataŭigi (p. 15), la teksto laŭtis (p. 27), bedaŭrindulino (p. 28), majstri la lingvon (p. 38), malakurateco (p. 42), interlineara (p. 60).

« La Seminario pri Mnemoniko » montras interesan jongladon por fortigi la memorkapablon. Sed en la praktiko oni rezervu tiajn akrobataĵojn nur por okazoj en kiuj ili, malgraŭ la postulataj tempo kaj streĉo, pruviĝas vere ekonomiaj.

Prof. D. Zalar pledas por la enkonduko de « Modernaj teknikaj Helpiloj en la Instruado de fremdaj Lingvoj », menciante diapozitivojn, magnetofonon, filmojn, televidon, ks. Estas konsentite, ke kvankam ili ne prezentas nur avantaĝojn, la modernaj helpiloj efike povas ilustri sciencajn fakojn, belartojn, eĉ la literaturon. Sed oni malpli konvinkiĝos pri same grava utileco ĉe lingvo-instruado kiu baziĝas sur la aktiveco de la lernanto. Aŭskultante, li pasive sin submetas ; espereble li komprenos, sed kompreno ne sufiĉas : li nepre devas reagi. Rekomendinde tamen estas okaza prononcmodelo. Sed prilingvaj lecionoj neniam fariĝu enscenigo celanta pravigi trafan-maltrafan uzadon de tiuj modernaĵoj, kiuj dece restu sur sia loko : tiu de okazaj helpantoj.

Kun plezuro oni legos la aliajn prelegojn : « Edukaj celadoj en instruado de Esperanto en lernejoj » (P. Zlatnar) ; « Rasoj kaj rasaj antaŭjuĝoj » (D-ro Stöp-Bowitz) ; « La instruado de historio en diversaj landoj » (Doc. S. Pragano) ; « Literaturo kiel eduka rimedo » (Ivo Rotkviĉ), kies titoloj parolas por si mem. Dum en « La signifo de popularscienca literaturo kiel kompletiga legaĵo en la instruprogramo de la lernejoj » (D-ro P. Neergaard) kaj « Eksterlernejaj aktivaĵoj de gelernantoj lernantaj Esperanton » (P. Vukmanovic) abundas utilaj sugestoj, kiel krei eblojn por daŭre plifirmigi kaj plivastigi la lingvokapablon ekster la kurso, eblojn por mem sperti kaj al aliaj montri la praktikan utilon de Esperanto.

Fermante la libron, la leganto volonte rekonos la altajn kvalitojn de riĉenhavaj prelegoj. Li taksos sin feliĉa, pro tio ke en plene komforta trankvilo li povas maĉi, remaĉi, elsuĉi la tekstojn dense spicitajn per vere valoraj sciindaĵoj. Kaj emos iom kompati la aŭskultintojn, baraktantajn malgraŭ la feria etoso en la pezaj ondoj de senĉese alruliĝanta elokventeco.

Dr. F. Couwenberg.

— Presita en Belgujo de H. De Baene-Sercu, Delaplacestraat 3, Sint-Kruis Brugge —